*Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.* rspring@tpg.com.au

# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**




**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**
**PLENUMITA 07/03/2019 Kvarcentdeksesa eldono (unua eldono 20/09/2011)**
SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj

Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Uzindaj ligoj.** *openclipart. * *reta-vortaro *Freelang Vortaro* *Plena Ilustrita Vortaro* * Google Translate* * Pasintaj AE eldonoj* * Duolingo * duolingo all courses * lingvohelpilo* *PMEGramatiko* * Esperanta Retradio* *Esperanta himno*

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Entute **803,000** lernantoj nun studas Esperanton per Duolingo



Nun studas **342,000** lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)
Nun studas **311,000** lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)
Nun studas **150,000** lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Gramatika serio "La Verbo en P.A.G.".




### N.ro 58 (La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay)

Do ni bezonas lerni pri la verboj, ĉu ili estas transitivaj aŭ netransitivaj, sed ne plu cerbumu pri agaj kaj stataj verboj, kaj pri aliaj dividoj: ili ĉiuj egalas kaj traktatas same.




Ekzistas du specoj de agindiko per verba finaĵo: Unue la infinitivo, kun la verba finaĵo "-i", kaj due la finitivo, kun unu el la finaĵoj "-as, -is, -os, -us, aŭ –u".

Ĉar la etnaj lingvoj kutime klare indikas kio estas infinitivo, ĝi en Esperanto ne kaŭzas uzproblemojn. Ĝi neniam ricevas finaĵon krom la finaĵo "-i" por la Infinitivo. Ĝi krome ne povas esti la kerno de la Predikato, sed povas troviĝi en ĝi kiel komplemento de la kerno. Ekz. "Ŝi volas manĝi nun" kaj "Li surprizis nin ankoraŭ labori". La Infinitivo povas funkcii ankaŭ kiel Substantivo, kiel en "Ami estas morti iomete". En tiu kaj aliaj kazoj la Subjekto de la Infinitivo estas la sama kiel la Subjekto de la finitiva verbo, se estas: "Kion vi havas por diri al mi?". En aliaj kazoj la

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

Subjekto de la Infinitivo estas la sama kiel la Objekto de la Finitiva verbo: "Mi petas vin foriri" kaj "Permesu al mi kisi vian manon" (kiam ĝi povas ĉehavi Objekton).

*Marcel Leereveld*





# la Esperanta Ligo de Okcidenta Aŭstralio

## Forpasis Princo Leonard de Hutt



La 13an Februaro 2019, forpasis la antaŭa reganto de la Princejo Hutt River.

La Princejo Hutt River estas mikrolando en la mez-norda parto de Okcidenta Aŭstralio. En Aprilo 1970 la farmisto Leonard Casley, pro disputo kun la subŝtato pri kvotoj de tritiko, proklamis sian bienon kiel sendependan landon. Li fariĝis Princo Leonard de Hutt River.

Ekde tiam, la lando ankoraŭ funkcias kiel farmbieno, sed ankaŭ kiel turista loko kaj ankaŭ vendis siajn proprajn poŝtmarkojn, monerojn ktp. Ĝi eĉ havas diplomatojn en multaj landoj tra la mondo (ekz. Kroatio, Usono, Pakistano, Brazilo) sed neniu lando oficiale agnoskis la Princejon.



Interese, en la Konstitucio, Hutt River deklaras ke la unua lingvo de la lando estas la Angla, la dua estas la Franca kaj la tria estas Esperanto. Mirinde! Sed, estas la opinio de ĉi tiu Esperantisto (kaj la Esperanto Ligo de Okcidenta Aŭstralio) ke ekzistas precize neniu Esperanto-parolanto en la Princejo.

Post la forpaso de Princo Leonard, nia klubo sendis al la nuna Princo la jenan mesaĝon de kondolencoj:

Via Moŝto Princo Graeme kaj la popolo de la Princejo Hutt River.

La komitato kaj la membraro de la Esperanto Ligo de Okcidenta Aŭstralio ŝatus transdoni siajn kondolencojn pro la forpaso de via kara Princo Leonard.

Ni dankas la Princon Leonard pro lia agnosko de nia kara lingvo en la konstitucio de la Princejo.

Niaj pensoj estas kun vi ĉiuj. *Ŝohano Povulo.* *(Shayne Power)*

Sekretario kaj Vic-prezidanto de la Esperanta Ligo de Okcidenta Aŭstralio.



*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

***Sendu novaĵon al AE kaj la mondo. Ĉiusemajna novaĵletero.*** rspring@tpg.com.au



# La Manlia Esperanto-Klubo



Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm.

John Casey

Ian Wylles

Eunice Graham

Steven Garamy, Chris Holliss, Roger Springer, Rainer Kurz, Jonathan Cooper.

Bavarian Beer Café, Manly Wharf. La 2a de marto estis la unua sabato. Venis 8 Esperantistoj

Steven vizitas post longa tempo. Rainer vizitas kelkfoje somere. Jonathan portis ŝlosilajn libretojn kiuj estos fordonotaj en Manlio kaj ankaŭ verdajn kaskedojn por la Esperantfederacia anoj *Roger Springer*



# Miriga cerbfunkcio ekster mia ĝardeno.

**TIU DAMNITA AKUZATIVO .** (por komencantoj).



Por britoj kaj francoj kaj aliaj estas facila, fari erarojn pri la akuzativo en Esperanto, ĉar en iliaj lingvoj ne ekzistas indikiloj por scii la akuzativon. Plejofte en tiaj lingvoj la akuzativon indikas la pozicio en la frazo, kaj oni ne estas konscia

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

pri tiu pozicio kaj pri la akuzativeco. Sed ofte la britoj k.t.p. nekonscie sentas kiu estas la gramatika objekto kaj do donas al ĝi en Esperanto la akuzativan –n. Unu el kelkaj malfacilaj kazoj estas la predikativoj, kiujn oni tendencas senti kiel akuzativemajn sed kiuj ne estas. Jen ekzemploj:

"Ŝi restis sportisto": Oni atendus nominativan Subjekton antaŭ la verbo kaj akuzativan Objekton malantaŭ la verbo. Sed ne ĉi tie, ĉar "sportisto" ĉi tie ne estas Objekto, sed parto de la Predikato, la kombinaĵo esprimanta la agon.

"Li iĝis politikisto". Same ĉi tie.

"Ni lin elektis prezidanto". Same ĉi tie.

"Mi juĝas krimuloj, kiujn oni lasis mane ataki min en kongreso". Same ĉi tie.

Se vi dubas, metu "esti" aŭ alian formon de la verbo :esti:" antaŭ la dubindan akuzativon. Se kun "esti:" la frazo sonas klara kaj senerara, la substantivo (aŭ la adjektivo) post via "esti" devas esti en la nominativo.

*Marcel*.

**INSULTU NE DION, NUR LA RESTON .** (por duonspertuloj.) .

Por insulti la nederlandanoj uzas, sed ili ne ofte insultas, esprimojn kiaj "Havu la peston" kaj "havu apopleksion" aŭ "Havu la ĥoleron'. Ili ne uzas por tio seksajn vortojn, ĉar ili ŝatas sekson.

Mi konas nur unu iomete seksan insultvorton nederlandan: ili nomas peniso (*lul*) iun ajn kiu agas aŭ parolas stulte aŭ malpraktike.

La britoj kutime uzas la f-vorton por insulti, ĉar ili evidente trovas koiton malpura. Se hazarde ili ŝatas seksagojn, ilia insulto vere signifas "Havu seksplezuron", "*Have fun*", ĉar kiu ne ŝatas "*to get f....ed*"? De forta viro aŭ de ĉarma virino? Do se iu diras al mi "*Get f...cked*", mi respondas "Dankon pro la bondeziro, kaj bonestu por tio havigi al mi la sekseman virinon necesan".

La ĉiam logikaj Esperantistoj ne uzas tiun britan insulton kiu laŭvorte estas bondeziro. Sed ili tamen havas f-vorton, kaj neniu ŝatas ricevi ĝin. Ĝi koncernas ne la plezuran seksadon, sed alian same necesan korpan agon ofte ne plezuran. Do se mi diras al vi "fekatu!" (*get shitted* aŭ *shat* aŭ *shutted all over*), vi ne ĝojas. Do mi deziras al vi: "NE fekatu, sed plenĝue "*get f..ed*" de via amato aŭ amatino. Cetere la samorigina nederlanda vorto estas "*fok*", kaj signifas "bredi". Do se mi bredas porkojn, mi nomas min Porkfokisto, "*varkensfokker*". En la angla lingvo porkbredisto ne nomas sin "*pigfucker*".
*Marcel*.

**NIA MIRIGA CERBO NIN VETURIGANTA .** (por Esperantospertuloj).

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

Ĉu vi iam interrompis vian pensadon, eĉ pluveturante, por konsideri ĉiujn impresojn, kiujn via cerbo ensorbas je ĉiu frakcio de sekundo, dum vi veturigas aŭtomobilon? Ĉiun frakcion de sekundo niaj okuloj, kaj je malplia grado niaj oreloj kaj nazo kaj sentoj en niaj manoj, transportas dekojn da novaj impresoj al nia cerbo, kaj la cerbo tuj detale solvas, kiamaniere reagi kaj veturi uzante la vojon.

Ĉiun frakcion de sekundo nia cerbo, tiu superkomputilo, kunigas la sekvantajn necesajn impresojn al tuteca bildo, per kiu tiu cerbo deduktas daŭre ŝanĝantan desegnon de veturnecesoj.

Unue menciindas nia pozicio sur la vojo, kaj la pozicioj de la multaj aliaj veturiloj ĉirkaŭ ni, pluraj antaŭ kaj pluraj malantaŭ ni kaj flanke de ni. Samtempe nia cerbo juĝas la proksimumajn rapidojn de nia propra kaj de la aŭtomobiloj ĉirkaŭ ni. Pliajn necesajn impresojn nia cerbo igas sin havi el la nervĉeloj en la malantaŭo de niaj okuloj: ni devas scii ĉu iu ajn veturilo intencas ŝanĝi, aŭ estas ŝanĝanta, sian vojparton, aŭ preterpasos nin, aŭ ĉu ni mem devos preterpasi. Ni devas juĝi, kiel plej bone helpi la trafikfluon, kaj ĉu ni povas kaj devas helpi, per nia veturmaniero, iun ajn alian veturiston, kiu bezonas tian specialan helpon el de ni. Ni devas konscii, kaj konsideri, la eblon de iu ajn neantaŭvidita besto, aŭ eĉ infano, apud aŭ sur la vojo, kaj kiel reagi al tia situacio kaj konsideri la alian trafikon. Plue ni konstante kaj daŭre konscias akre pri iu ajn eraro eble farota de iu ajn el la aŭtomobiloj antaŭ ni, aŭ malantaŭ ni, kiam ni devas plimalrapidi aŭ halti, aŭ de trafiko aliĝanta nian vojon el flankaj vojoj, kaj nia cerbo detale solvas antaŭe, kiel reagi al ĉiuj el la pluraj eraroj fareblaj de iu ajn aŭtomobilo. Kaj ni akute konscias pri ĉi tiuj ebloj, aŭ konscii pri ili devas. Nia rapideco ofte dependas de la rapidoj de la alia trafiko, speciale antaŭ ni. Ni daŭre juĝas la sendanĝerecan distancon inter ni kaj la aŭtomobiloj antaŭ ni, depende ankaŭ de la trafiko malantaŭ ni. Do ni regule devas rigardi en niajn malantaŭvidajn speguletojn. Antaŭ haltiglampo ni juĝas nian rapidecon, konsiderante ankaŭ la ŝanĝtempon de la lampoj. Kaj niaj okuloj daŭre rigardas ankaŭ la vojon, ne nur por kalkuli , kie ni estas kondukantaj, sed ankaŭ atendante ke io kuŝas sur la vojo, kion ni deziras eviti.

Dume ĉiuj tiuj supre menciitaj impresoj ŝanĝiĝas daŭre, tiel ke nia cerbo devas komputi novan kompletan bildon je ĉiu frakcio de sekundo. Miriga kaj nekredebla!

Sed tio ne estas ĉio: daŭre jen kaj jen ni devas rigardi en niajn eksterajn malantaŭvidajn speguletojn, kaj la trafikon je ambaŭ flankoj de nia veturilo. Antaŭ haltiglampoj ni devas juĝi la tempon tiamaniere, ke ni ne bezonos bremsi tro, ĉar bremsado egalas al benzinperdo: ju pli oni bremsas, des malpli ŝpareme oni veturas. Kaj ankaŭ, ju pli malproksimen antaŭrigardante ni veturas, des malpli akcidentemaj ni ĝenerale estas. Ni devas rigardi ankaŭ nian rapidecindikilon, por la kazo ke ni devas veturi pli malrapide , almenaŭ se ni ne malrapidas tiom ke ni estos ĝeno al la alia trafiko: la vojo apartenas al ili same multe kiel al ni, ( kaj eĉ pli), kiam ni penas aliri sur ĝin). Se nur niaj veturinstruistoj instruus al ni, ke la vojo unuagrade apartenas al ĉiuj aliaj veturistoj escepte de ni, tiom longe kiom ni penas suriri sur tiun vojon. Kiom da akcidentoj ĉi tiu ora regulo ne malebligus?

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

Ni regule rigardas ankaŭ la indikiltabulon por vidi, ĉu turnindikiloj neŭtraliĝis, ĉu ni devas remalfermi la eleksteran aerfluon, kiun ni ĉesigis veturante malantaŭ veturilo eldonanta tro multe da elirgasoj, kaj ĉu iu avertsigno (motorvarmegiĝo; k.t.p.) lumas. Krom ĉio ĉi nia komputcerbo eble devas aŭ volas registri la sekvajn vidimpresojn: **1**). Se pluvas aŭ se nebulas, ni taŭgigas nian rapidecon kaj ni funkciigas niajn lampojn (ne utilaj tiam estas restlampoj kaj altradiarlampoj); **2**). Se mallumas, nia reago devas esti malpliheligi niajn lampojn, kiam ni troviĝas je duono da kilometro malantaŭ alia veturilo aŭ se ĉeestas kontraŭvenanta trafiko; **3**). Se ni deziras ŝpari pli pri benzino, ni regule rigardas la vojsurfacon por elekti kaj uzi la pli malglatajn partojn; **4**). Tre bonaj veturistoj eble deziras ŝpari benzinon neŭtraligante la rapidumon sur vojoj malmultklinaj malsupren (refunkciigi la rapidumon, en kazo de urĝeco, prenas malpli da tempo ol ŝanĝi, necese, la rapidumon el alta al malpli alta rapido ; **5**). Rigardante aliajn veturilojn en nia proksima trafiko, nia cerbo konsistigas ankaŭ psikologian bildon pri ĉiu veturisto, por antaŭscii, kiel tiuj veturistoj agos kaj reagos al trafiksituacioj (juĝi daŭre kiamaniere la aliaj veturistoj agas kaj agos devetas esti parto de nia veturinstruado); **6**). Ni ne nur daŭre decidas, kiel ne partopreni en akcidento (Ekz. ĉu flankiĝi dekstren aŭ maldekstren aŭ tute ne) kaze ke alia veturisto eble faros eraron, proksime aŭ malproksime antaŭe aŭ el flankvojo (tio ofte okazas), sed ankaŭ kiamaniere agi en kazo de subita pneŭmatikmalpleniĝo aŭ motordifektiĝo; **7**). Se nia rapidumilo estas manuza, ni devas ankaŭ senti kaj aŭdi, en kiu rapidumero ni estas; aŭ devetas esti; **8**). se ni havas potencdirektadon ni bezonas ankaŭ pli firman kaj pli senteman , kaj malpli malŝtrecan, prenon sur la direktradon, por ĝustigi daŭrajn direktoŝanĝojn pro tio ke etaj neglataĵoj en la vojsurfaco agas sur la direktadon.

Niajn rapidecon kaj veturmanieron diktas ĉiuj praktike samtempaj impresoj, kiujn komputas nia cerbo. Ni lernas tion, kiam ni lernas veturi. SED OFTE NI FORGESAS LERNI, KIEL ALKUTIMIĜI AL DAŬRA ELLABORADO KIEL ESTI HELPEMAJ AL ALIAJ VETURISTOJ, POR HELPI LA ĜUSTAN FLUON DE LA TRAFIKO, POR ĈIES BONO. Ne mirigas, kial en Aŭstralio ni havas malbonajn kaj danĝerajn veturistojn, kiaj praktike ne ekzistas en Okcidenteŭropo. Eble tiuj malvastmensaj cerboj sur niaj vojoj neniam devis lerni la delikatan arton veturi KAJ SAMTEMPE KONVENI AL LA TRAFIKSOCIO.

Ĉi tiu verkaĵo ne celas esti gvidilo por bona veturado: bona veturado kaj bona trafiksento inkluzivas plurajn pliajn kutimojn KAJ utilajn KAJ necesajn por KAJ ni KAJ aliaj veturistoj, kia la kutimo, dum ni veturas malrapide, signi al sekvantaj veturistoj, per intermita funkciigo de nia maldekstra turnindikilo, ke estas por ili sendanĝera preterpasi nin, kaj kia la kutimo indiki al sekvanta aŭtomobilo, iomete premante la bremspedalon, ke ni eble tre tuj devos pli malrapidi aŭ bremsi, ankoraŭ ne bremsante, kaj tiel plu, kaj tiel plu. Por esti trafikhelpema.

*Marcel Leereveld.*

**KAŜITAJ AGLUTINAĴOJ .** (por lingvospecialistoj).

Mi ĉi sube donas kelkajn aglutinaĵojn ĝenerale ne sentatajn kiel tiajn, pro tio ke ili ĉiuj enhavas prepozicion kiel sian flankelementon.

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

**1a**. (kun netransitiva verbo): "La flugmaŝino venas al Romo" > "La flugmaŝino venas ALE" > "La flugmaŝino ALE VENAS" = "La flugmaŝino ALVENAS" = aglutina = ĉefelemento "venas" + flankelemento "al" = verbo kun sia adverbo el prepozitivo. Ankaŭ: "La flugmaŝino alvenas Romon" = kun la malnova prepozitiva substantivo kiel gramatika objekto.

**2a**. (netr. verbo): "La viro vivis post la akcidento" > "La viro vivis post io" = "La viro vivis poste" = "la viro POSTVIVIS la akcidenton" = aglutina = verbo kun sia adverbo el prepozitivo. Ankaŭ same: :La viro vivis post la akcidento" > "La viro POSTVIVIS " = sen la nova gramatika objekto.

**3a**. (netr. verbo): "La viro grimpas sur la monton" > "La viro grimpas SURMONTEN" "La viro surgrimpas la monton" = aglutina = "grimpas la monton sure" = verbo kun sia adverbo el prepozitivo kun ripeto de la prepozitiva substantivo (monto).

**4a**. "La viro vidis la akcidenton antaŭ la akcidento": = "La viro vidis la akcidenton antaŭe" = "La viro antaŭvidis la akcidenton". = plene aglutina = ĉefelemento "vidis" kun flanelemento "la akcidento" el la prepozitivo "antaŭ la akcidento".

**5e**. "La viro prenis sian ĉapelon de io (= de sia kapo) = "La viro dee prenis sian ĉapelon" = "La viro deprenis sian ĉapelon" = plena aglutinaĵo de ĉefelemento "prenis" (= verbo) kun sia flankelemento "de" (= sia adverbo el la prepozicio de la prepozitivo.

La ĉi supraj aglutinaĵoj aperas ankaŭ en etnaj lingvoj, sed nur en la aglutinaj etnaj lingvoj kompreneble. Sed tiuj lingvoj uzas plurajn alternativojn, tro por mencii ilin en artikolo pri Esperanto, kiu povas sed ĝenerale ne uzas alternativojn. Komparu ekz. la anglajn *"to overlook"* kaj "*to look over*", kiuj havas eĉ kontraŭajn signifojn. Tio ne okazas en Esperanto. Neaglutinaj lingvoj preskaŭ tute ne povas uzi tiajn aglutinaĵojn; rigardu ekzemple la francan "*mettre dessus*", kiu uzas adverbon anstataŭ la aglutinon.

Do ĝuu ke Esperanto havas tiun regulan aplikon de la aglutina lingvismo, neniam miskomprenebla. Kaj la Esperasntistoj ĝenerale ŝatas kaj uzas tiujn specifajn Esperantaĵojn, kiaj "La tuta familio kromvenis kun la patro". *Marcel Leereveld*



BRISBANA ESPERANTO - SOCIETO
Kunvenas la duan sabaton ĉiumonate,
13.30 ĝis 16.00 horo, ĉambro 1.9
Brisbane Square Biblioteko, Adelaide St.
Vizitantoj estas bonvenaj

*Peter Danzer*



***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

# Eventoj por INFANOJ: julie en Finnlando, aŭguste en Francio



Fine de **julio** okazos en **Lahti** Finnlando kaj **UK** kaj **IIK** (internacia infano-adoleskanta kongreseto).

En IIK, infanoj kaj junuloj ludas kaj kuras amuziĝas kune kaj uzas Esperanton.

Vidu informojn bertosch.free.fr/iik2019

Vidu la IIK-ejon bertosch.free.fr/iik2019/fotoj.htm

Skribu al <infana.kongreseto@gmail.com>



De la 6a ĝis 16a de **aŭgusto** okazos en la franca E-kastelo Greziljono jam la

9-a **Festa Semajno** por **infanoj, adoleskantoj,** junuloj, familioj, kaj geavoj

kun ludoj, banado, manlaboroj, sporto, popolaj dancoj kaj E-kursoj.

Vidu informojn: gresillon.org/s4

Skribu al <kastelo@gresillon.org>

Aliĝu, demandu, petu pli da informoj.



# Denaskuloj



Karaj,

Responde al Ludoviko Molnar, mi ŝatus priparoli iomete denaskulojn. Ĉu ni menciu, ke ekzistas kelkaj denaskuloj? Ĉu ili vere havas grandan avantaĝon, ĉar ili jam kapablas paroli Esperanton ekde juna infaneco?

Estas granda diferenco inter anglparolanta denaskulo kiu aŭdas nur la anglan lingvon hejme kaj en la lernejo kaj Esperanto-denaskulo kiu ĉiam estas almenaŭ 2-lingva, ĉar ne ekzistas lernejo kiu instruas nur en Esperanto. Ĉiuj Esperanto-denaskuloj almenaŭ post la aĝo de 5 aŭ 6, aŭdas alian lingvon pli ofte ol Esperanton, do por ĉiuj Esperanto ne estas ilia plej bone regata lingvo. Laŭ mi la avantaĝo de Esperanto-denaskulo estas nur malgranda kaj ne vere komparebla al la avantaĝo de anglparolanta denaskulo kiu uzas la anglan lingvon kaj en la hejmo kaj en la lernejo. Ne estas tre malfacile regi Esperanton sambone kiel denaskulo. Kiam vi aŭdas plenkreskulon paroli Esperanton vi ne vere povas scii ĉu temas pri denaskulo aŭ ne.

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

Kontraŭe pri la angla lingvo oni povas facile scii, ke iu ne estas angllingva denaskulo. Do ĉu ni menciu, ke ekzistas denaskuloj? Mi pensas, ke jes. Por multaj personoj Esperanto estas io artefarita kaj ili ne imagas ke infanoj povas nature paroli Esperanton, do kiam ni mencias, ke ekzistas denaskuloj, personoj pli facile akceptos ke Esperanto estas vera lingvo.
Kion vi pensas?



Amike, *Nicole Else*



# Nova bildlibro pri Esperanto

Ege bela bildlibro pri Zamenhof kaj Esperanto ĵus eldoniĝis. La titolo estas *Doctor Esperanto and the language of hope*. Eldonis la libron *Candlewick Press*. La kovrilo estas malmola kaj la libro enhavas belajn ilustraĵojn kun mallonga teksto. La aŭtoro estas Mara Rockliff, fama verkistino (almenaŭ en Usono). La libro facile aĉeteblas en Aŭstralio ekzemple de la reta librovendejo *Booktopia*. Se vi ne mem volas aĉeti la libron, vi povus sugesti, ke via loka biblioteko aĉetu ĝin.

*Doctor Esperanto and the Language of Hope* *ISBN 9780763689155*

*By Mara Rockliff Illustrated by Zosia Dzierzawska Published by Candlewick* *Nicole Else*











**3ZZZ** Ĉisemajne la elsendo en 3zzz proponas al vi anoncon de Josip Pleadin, kiu deziras financan helpon por fini la projekton pri konstruado de arkivejo en Kroatio kaj plurajn informojn pri sano , interalie la intervjuon de Benno Lang pri veganismo





*Franciska Toubale*



# Novaĵo de Melburno

Ni rajtas reklami Esperanton en la fenestro de Ross House dum unu monato jare. Petro kaj Heather aranĝis ĝin ĉifoje kaj ene de du tagoj mi ricevis retmesaĝon de Sandor kun foto, fotita de amikoj de li, kiuj nun vizitas Melburnon. Novaĵo rapide vojaĝas!

Lundon la kvaran de marto okazis la jarkunveno de la MEA. Ni gratulas al la nova estraro:

Joanne Johns: Prezidanto

Rejnoldo Evans: Vicprezidanto

Esther Parris: Sekretario

Heather Heldzingen: Kasisto

Peter Johns: Bibliotekisto

*Joanne Johns*



★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Verkilo kun esperantlingva literumkontrolado

Se vi verkas artikolon aŭ retpaĝon en Esperanto, gravas kontroli ĝin por literumaj eraroj kaj por gramatikaj eraroj antaŭ ol sendi ĝin por publikigo. Depende de kiel vi laboras, vi eble bezonos literumkontrolilon por vortprocesilo, kaj por TTT-foliumilo, kaj por retpoŝta programo. Necesas agordi ĉiun programon aparte. Ĝenerale tio eblas nur ĉe liberaj programaroj, ĉar esperantistoj povas kontribui programadon kaj vortlistojn. Komercaj programaroj ĝenerale ne liveras kontrolilojn por esperantaj tekstoj.

*Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE*

En ĉi tiu artikolo mi priskribas kion mi faras por kontroli literumadon de esperantaj tekstoj en vortprocesilo.

## Vortprocesilo

La plej taŭga vortprocesilo estas **LibreOffice Writer (Verkilo)**. Ĝi estas parto de la programaro LibreOffice, kiu estas libera programaro kaj disponeblas senpage por makintoŝaj, vindozaj kaj linuksaj komputiloj, kaj por androidiloj. Disponeblas instrukcioj pri kiel instali je LibreOffice ĉe: https://www.libreoffice.org/get-help/install-howto/ Se vi volas, vi povas instali la esperantan fasadon kaj helpon. Oni povas kontroli esperantan tekston eĉ se la fasado estas en alia lingvo.

Instalinte je LibreOffice, vi ankaŭ bezonas instali kromprogramon por kontroli esperantajn tekstojn. Malfermu la programon LibreOffice Writer (Verkilo) kaj elektu la menuerojn: Tools (Iloj) > Extension Manager (Aldonaĵa mastrumilo) > Get more extensions online (Legi pliajn aldonaĵojn rete) > enigu la vorton Esperanto en la serĉan kampon kaj elektu aldonaĵon. Kiun mi uzas, tiu estas:

## Esperanto spellchecker, thesaurus and hyphenizer

https://extensions.libreoffice.org/extensions/esperanto-spellchecker-thesaurus-and-hyphenizer

Elŝutu la aldonaĵon kaj instalu ĝin laŭ la instrukcioj en la paĝo pri aldonaĵoj.

## Agordi la dokumentan lingvon

Vi povas elekti la lingvon uzotan apriore por ĉiu nova dokumento en Verkilo. Por fari tion, vi povas iri al Tools (Iloj) > Options (Agordaĵoj) > Language settings (Lingvaj agordoj) > Languages (Lingvoj) > en la sekcio Default languages for documents (Aprioraj lingvoj por dokumentoj), Western (Okcidentaj), elektu Esperanton.

Kiam vi volas verki novan dokumenton, aŭ ŝargas ekzistantan dokumenton, certigu ke la dokumenta lingvo estas Esperanto (aŭ la lingvo uzota). La nomo de la lingvo uzata ĉe la kursoro vidiĝas en la ilobreto ĉe la malsupro de la fenestro. Por ŝanĝi la dokumentan lingvon, iru al la menueroj: Tools (Iloj) > Language (Lingvo) > For all text (Por la tuta teksto) > Esperanto. Vi povos tiam redakti la dokumenton kaj LibreOffice aŭtomate kontrolos la literumadon dum vi tajpas.

La helpa paĝo (en la angla) pri aŭtomata literumkontrolado per LibreOffice troviĝas ĉe:

https://help.libreoffice.org/Writer/Automatically_Check_Spelling

Kvankam la esperanta aldonaĵo havas enorman vortaron, eble vi uzos nomojn aŭ vortojn kiujn ĝi ne havas. Vi povas aldoni ilin al via propra vortlisto.

*Donald Rogers*

**Sekvas la angla traduko.**

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***

# Word processor with Esperanto spelling checker

If you are going to write an article or web page in Esperanto, it is important to check it for spelling and grammatical errors before submitting it for publication. Depending on how you operate, you may need a spelling checker for a word processor and for a browser, and for an email program. Each of these has to be set up separately. Generally this is only possible with Open Source Software because Esperantists can contribute programming and Esperanto word lists. Proprietary software does not generally supply Esperanto spelling or grammar checkers.

In this article I describe what I do to spellcheck Esperanto in a word processor.

## Word processor

The most suitable word processor is **LibreOffice Writer**. It is part of the LibreOffice suite, which is open source software and available free for Windows, Macintosh and Linux computers and for Android devices. Instructions on how to install the LibreOffice suite are available at: https://www.libreoffice.org/get-help/install-howto/

When you have installed LibreOffice, you need to install an extension for checking Esperanto text. Open the LibreOffice Writer program and use the menu: Tools > Extension Manager > Get more extensions online > enter Esperanto in the search box and choose an extension. The one I use is:

## Esperanto spellchecker, thesaurus and hyphenizer

https://extensions.libreoffice.org/extensions/esperanto-spellchecker-thesaurus-and-hyphenizer

Download the extension and install it according to the instructions on the extensions page.

## Set the document language

In LibreOffice Writer you can choose the default language to be used for each new document. To do that you can go to Tools > Options > Language settings > Languages > in the section Default languages for documents, Western choose Esperanto.

When you want to write a new document, or load an existing document, make sure the document language is set to Esperanto (or whatever language you want). The language at the cursor is shown in the status bar at the bottom of the window. To change the document language go to the menu: Tools > Language > For all text > Esperanto (or English etc). You can then edit the document and the spelling will be checked automatically as you go.

The help page for automatic spell checking with LibreOffice is at:

https://help.libreoffice.org/Writer/Automatically_Check_Spelling

Although the Esperanto spell checker has an enormous dictionary, there may be valid names and words that it hasn't got. You can add them to your personal supplementary list.

*Donald Rogers*

***Se informo pri via novaĵo mankas, la kialo estas ke neniu informis AE***